# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

aŭgusto 2006

**SPECIALA NUMERO PRI SOMERA GASTADO DE KEL EN HRVATSKO ZAGORJE**





- ★ *Leksikono pri Esperantlingvaj verkistoj* de Josip Pleadin aperis
- ★ Prezento de ĉina traduko de romano *Wakajtapu* de Joža Horvat
- ★ *Alia Venecio* de Predrag Matvejević per Tomasz Chmielik en Esperanto
- ★ Nova infanlibro: *Triopo Terura* de Antoaneta Klobučar

# Karaj legantoj!

Vi tenas en viaj manoj specialan numeron de *Tempo* kiu estas dediĉita al Departamento Krapinsko-zagorska, unu el 21 departamentoj en Kroatio. Kroata Esperanto-Ligo en la jaro 2006 havis du literaturajn programojn sur la teritorio de la regiono, kie Krapina ĉefurbas: la 27-an de majo tie okazis literatura aranĝo *Renkontiĝoj de meteorito* kaj en julio *Renkontiĝo de Esperantlingvaj verkistoj*, al kiuj Krapina konsiderinde kontribuis finance, samkiel ĝi faris en 2005 subteninte la 7-an kongreson de kroatiaj esperantistoj. Sekve de la financa subteno, ni havas moralan devon krei specialan numeron de nia gazeto dediĉitan al Zagorje.

La departamentestrino Vlasta Hubicki sendis elkorajn salutojn al la kulturaj aranĝoj organizitaj de KEL, kiuj helpas ne nur al klerigo de membroj de KEL sed ankaŭ diskonigas turismajn valorojn de la regiono Hrvatsko Zagorje. Ambaŭ aranĝoj okazis en eta vilaĝo Hrašćina-Trgovišće, kie troviĝas la malnovstila domo el la 19-a jarcento kiu apartenas al Spomenka Štimec kaj kiu estas plurfoje jare je la dispono de la Esperanta Movado. La vilaĝo famas pro la preskaŭ 40-kilograma meteorito kiu alteriĝis en la regiono, trafinte kampon en Domovec apud Hrašćina en 1751. La restaĵoj de la meteorito estas konservataj en Naturscienca muzeo en Vieno (kiu en la tempo de la meteorita falo estis la ĉefurbo de la regiono. Etaj pecoj de la meteorito estas konservitaj en Naturscienca muzeo en Zagrebo.) Kroata Esperanto-Ligo ekde 1995, kunlabore kun Komunumo Hrašćina organizas kulturan programon lige al la datreveno de la meterota falo: la meteorito helpis diskonigi Hrašćina, kaj la aranĝo ĉiujare helpas diskonigi Esperanton. La maja programo gastigis du kroatajn verkistinojn *Višnja Stahuljak* kaj *Julijana Matanović*.

Višnja Stahuljak apartenas al plej signifaj kroataj poetinoj kaj prozistinoj. Muziko estas ŝia profesio, kio aŭdeblas en ŝia poezio. Estis plezuro aŭskulti kiel ŝian verkon interpretis literaturkritike alia verkistino Julijana Matanović. Versojn recitis Vera Roknić.

Post la maja literatura evento, julie 2006 gastis en Zagorje *Renkontiĝo de esperantlingvaj verkistoj*, organizita de KEL sub la aŭspicio de Esperantlingva Verkista Asocio - EVA kaj per financa helpo de Ministerio de kulturo de Respubliko Kroatio, samkiel Departamento Krapinsko-zagorska.

Sur la paĝoj venontaj ni prezentas la novajn kroatajn librojn tie prezentitaj: la ĉefa gasto de la evento estis verkisto *Joža Horvat*, okaze de la ĉina eldono de lia verko *„Wakajtapu"*, ĉinigita de Hu Guozhu kaj eldonita en Wuchan en 2006. El la verko en la ĉina legis Hao Xiaoming, lekcianto pri la ĉina en Filozofia fakultato de Zagrebo. Tomasz Chmielik el Pollando prezentis libron de Predrag Matvejejvić: *„Alia Venecio"*, kuneldonita de *Hejmo* kaj *Libro-Mondo* en Pollando en Esperanto, en traduko de Tomasz Chmielik. D-ro *Velimir Piškorec* sian prezenton dediĉis al la hungara gasto *Blazio Wacha* kaj lia romano *„Adolesko"*. *Zdravko Seleš* parolis pri la verko de *Spomenka Štimec „Hodler en Mostar"* eldonita de Edistudio en Pisa. *Višnja Branković* nome de eldonisto Esperanto-Societo „Liberiga Stelo" el Osijek prezentis la novan verkon de *Antoaneta Klobučar* titolita *„Triopo Terura"*. Tiu libro kandidatas por Infanlibro de la jaro 2006 venontjare en Jokohamo.

La ĉefa verko de la evento estas frukto kiu longtempe maturiĝis per kunlaboro de sesdeko da personoj el multaj landoj: *Leksikono pri Esperantlingvaj Verkistoj* kompilita de *Josip Pleadin* kaj publikigita sub la nomo *Ordeno de Verda Plumo* ekiris el Zagorje al la mondo. Per tiu libro stariĝis mejloŝtona dokumento pri literaturo en Esperanto, pri kiu atestas 901 biografioj kaj preskaŭ 500 fotoj.

La foton pri Zagorje ni dankas al lernanta laborgrupo de Fotosavez kaj ilustraĵojn al pentristino Zvjezdana Jembrih. Titolpaĝe: unika baroka preĝejo en Belec al kiuj pilgrimis niaj ekskursoj. Fotis Ivana Sambolić.

La someretosa numero de *Tempo* sekvas tiun specialan numeron pri Zagorje.

*S. Štimec*



*Reprezentanto de Turisma Asocio Ivan Sadaić salutas.*

**Tempo**

Fondita en 1980. Ne aperis en militaj jaroj 1993 kaj 1994. Aperas laŭeble kvarfoje jare - Jaro XXV, numero 2/2006. ISSN 0352-1583. Tiu ĉi numero estas eldonita per financa helpo de Departemento Krapinsko-zagorska.
**Redakcio:** Kneza Mislava 11/III, HR-10000 Zagreb, Kroatio, **tel:** (385 1) 4617550, **fakso** (385 1) 4619373, **rete**: esperanto@zg.t-com.hr, **www.esperanto.hr** - **Kontribuis**: Tomasz Chmielik, Zora Heide, Vlasta Hubicki, Zvjezdana Jembrih, Nedeljko Korasić, Tihomir Lovrić, Josip Pleadin, Maja Pleadin, Dunja Posavec, Gjuro Prejac, Osnovna škola Sv. Križ Začretje, Raita Pyhällä, Velimir Piškorec, Zvonko Rehorić, Ivana Sambolić, Marina Sedak, Zdravko Seleš, Višnja Stahuljak, Spomenka Štimec.
**Redaktis:** Spomenka Štimec, **Grafike aranĝis:** Josip Pleadin **Presis:** Grafokom, Đurđevac, grafokom@kc.htnet.hr
**Anonctarifo** 1/1 paĝo 1000 kn (135 EUR) 1/2 paĝo 500 kn (68 EUR), lasta kovrilpaĝo 2.500 kn (328 EUR). **Abono**: 4 numeroj jare 40 kn (9,5 EUR), unuopa numero 10 kn (1,5 EUR)
***La redakcio ne respondecas pri la opinioj en la subskribitaj tekstoj.***



# SALUTO DE DEPARTAMENTESTRINO VLASTA HUBICKI



Departamentestrino Vlasta Hubicki, el sia sidejo en la ĉefurbo de la regiono Krapina sendis apartan bonvenigan saluton al la partoprenantoj de la Renkontiĝo de Esperantlingvaj Verkistoj, dialekte akcetante la ĉarmon de „tiu peceto de la mondo". Aktorino Vida Jerman prezentis la saluton.

*La Departamento Krapinsko-zagorska estas kunaĵo de la belega naturo, konservita ĉirkaŭaĵo, riĉeco de kulturhistoriaj monumentoj, riĉa historio, kaj escepte bastamaj homoj. Aparte mi ackentus la banlokojn, je la dispono dum la tuta jaro, kiuj posedas unu el la plej altkvalitaj kuracakvoj en Eŭropo, kien oni iru ne nur pro sanigaj intencoj sed ankaŭ por ĝui bonfartigajn programojn. Vi povas promeni trans belegaj verdaj montetoj kaj ĝui aŭtentajn lokajn manĝojn kaj altkvalitajn vinojn, vi povas spuri la historiajn postlasaĵojn de kasteloj, burgoj kaj malnovaj biendomoj de Hrvatsko Zagorje, vi povas laŭiri laŭ la legendoj de nia regiono. En la belega naturo kaj riĉaj historiaj objektoj, mi menciu nur la burgon Veliki Tabor kaj la perlon de la kroata baroko la preĝejon de Dipatrino de la neĝo en Belec. Apartan akcenton meritas la sanktejoj de Zagorje, la Nacia kultejo de Dipatrino nomata Majka Božja Bistrička aŭ la alia Majka Božja Jerzalemska sur Trški Vrh. Necesas ilin viziti kaj senti ilian etoson.*

*Turismo estas vere la nuno kaj la estonteco de nia regiono. Cetere pri la kvalito de la vivo en nia regionoj asertas la kontinua setlado el la epoko de la prahomo el Krapina.*

*Ni vin ĉiujn kun ĝojo atendas en Departamento Krapinsko-Zagorska, en nia belega verda peceto de la mondo. Mi ne dubas ke pluraj inter vi ekkonos la valoron de nia turisma propono, kaj iuj el vi memoros pri ili kaj revenos.*

*Bonvenon al Departamento Krapinsko-zagorska!*

***Vlasta Hubicki***
***departamentestrino***

La nunaj generacioj daŭre kantas la malnovan kanton de Zagorje, verkitan de Gjuro Prejac.

## En blua vitejo

En blua vitejo jen staras la dom'. Pro verdaj folioj ne vidas ĝin hom'.
Mizera, elligna, al sorto indigna. Montriĝi al homoj ne povas pro tim'.
Kaduka, malnova jam jarojn eĉ cent'. Kaj en la vitej' vitojn ŝiris jam vent'.
El koto farita, per pajlo kovrita: Ĉu estas ĝi domo, aŭ aĉa kaban'?
Al mondo ĝin donis la ŝvit' de bonul', dum zagorec* estis laŭ fat' servutul'.
Sed estis ĝi blanka, neniam ĝojmanka. Kaj nun el ĉagreno jam iĝis ruin'.

Kaj multe da vino fortrinkis en ĝi, la pastro ŝercema kaj la instruist'.
Kun ili la flanon kaj nuksokukaĵon, dividis feliĉa pro ĝoj' vilaĝan'.
Fenestre junulo, konata en lok', jam varbis knabinon per mallaŭta vok'.
Kaj post don' de floro, kis' venis el koro. La knabo kelkfoje eĉ dormis ĉe ŝi.
En ĉi dom' naskiĝis po kelka soldat'. Heroo li estis, kaj frato kaj frat'.
Fremdulon gardadis kaj sangon verŝadis. Pro dank' oni diris pri li: la stultul'.

Kaj domo trankvila atendas pri prav', ke iam al zagorec venos la sav'.
Kaj ŝajnis trankvila, de vento subtila. Aŭdiĝas en vitoj malnova la kant':
Ho, Zagorje mia, vi terparadiz'. Al vi tre fideli, jen mia deviz'!
Dum sangon verŝadis, li ĉiam kantadis: Ho, ke mi revenu al Zagorje jam!
Suferis li tiel dum longa miljar'. Denove sur vitoj vidiĝos florar'.
De nia montkresto naskiĝas tagesto, kaj gaja reestos la dom' kaj kaban'.

Tradukis: Zvonko Rehorić

* zagorec estas loĝanto de Zagorje, regiono en Kroatio.



*La vilaĝkorto en Zagorje (Fotis: Dunja Posavec)*

# VIŠNJA STAHULJAK PREZENTITA DE JULIANA MATANOVIĆ EN HRAŠĆINA-TRGOVIŠĆE

Višnja Stahuljak estas renesanca verkisto inter siaj kroataj kolego - deklaris Julijana Matanović enkondukante la publikon al la verko de la poetino. Ŝi estas lirikisto kies poezio pli ol duonjarcento firme staras enteksita en la kroatan literaturon. Ŝia prozo estas nedisigebla parto de la kroataj noveloj kaj romanoj, ĉu modernismaj ĉu historitemaj. La nomo de Višnja Stahuljak imponas inter la kroataj verkistoj de la porinfana literaturo, speciale ŝi verkis por pupteatro, ŝi ja estas pupistino kiu kreskigis la pupan arton de Zagrebo. Sed ŝia ĉefa profesio estis - kantado. Tradukita en la polan kaj ĉeĥan, en tiu lasta ŝia prozo *Aventuremulino* aperis en 50.000 ekz. Ŝia pupteatraĵo pri *Oĉjo, Joĉjo, Klip kaj Klap* gastis pli ol kvincent fojoj sur la polaj pupteatraj scenejoj.

Verkoj de Višnja Stahuljak estas legeblaj por esperantistoj, ĉefe dank' al la ŝia iama samklasanino kaj Esperanta poetino Zora Heide, kiu abunde esperantigis el ŝiaj verkoj. Shi Chengtai tradukis el ŝia infanlibro Magiisto ĉinen, uzante neeldonitan manuskriptan tradukon. Eble ni iam vidos tiun verkon eldonita? En ŝia biografio ni legas ke Esperantlingvaj tradukoj de ŝiaj poemoj aperis en Literatura Foiro en Svislando, en *Fonto* en Brazilo, en *Tradukisto* en Islando. Poetino fariĝis parto de Esperanta kulturo. Jen verkisto kiu estimas Esperanton kaj ĝian kulturan rolon.

El ŝia *Sonetaro* Lucija Borčić tradukis Esperanten imponan faskon de 63 da sonetoj el kiuj kvar aperis en Literatura Foiro en 2005.

S. Š.

*Višnja Stahuljak*

### *Kiam vi silente eniras*

*Kiam vi silente eniras*
*Mi sonĝas, ho mia amo.*
*Kiam vi silente foriras*
*Mi scias ke la sonĝo finiĝis.*

*Esperantigis Zora Heide*
*por la poemaro Krepuskoj*



*Zvjezdana Jembrih: IVANŠČICA*
*Foto: Marina Sedak*





*La versojn en Zagorje laŭ artisma gusto de la aŭtorino prezentis Vera Roknić. Pluraj membroj de Kroata Unuiĝo de Nevidantaj Esperantistoj profitis la meteoritan feston por ĝui la sunon kaj literaturon.*

# ĈINLINGVA *WAKAJTAPU* GASTIS EN ZAGORJE

Kadre de Renkontiĝo de Esperantlingvaj verkistoj okazinta de la 21-a ĝis la 23-a de julio 2006 en Hrašćina-Trgovišće grava parto de la programo estis dediĉita al Esperanto en la rolo de la lingvoponto. Ne estas la unuan fojon ke la kroata verko transpontiĝis per Esperanto al Ĉinio. Unue tio sukcesis al la verko de Milka Pogačić *Konfeso* el la jaro 1912 kiu en 1931 aperis en la ĉina lingvo en Ŝanhajo. Tiun eventon ni ŝuldas al Antonija Jozičić, modesta instruistino el Kostajnica kiu per propraj rimedoj eldonis la Esperantan tradukon de la verko de tiam populara kroata verkistino Milka Pogačić. Antonija Jozičić estis inspirita per etoso de la Universala Kongreso en Krakovo 1912. Siavice ŝia libro inspiris ĉinan tradukiston Wang Luyan eldoni la libron en la ĉina traduko. Ni konsideras tion la unua traduko el la kroata al la ĉina. En 1936 sekvis la dua ĉinigo el la kroata literaturo: *Alkar* per Esperanta vesto *Ano de l' ringludo* aperis ĉe la sama ĉina Shangiru eldonejo el la plumo de Sü Fang Si. Post kelkaj jardekoj la sperto ripetiĝis en 2004: Shi Chengtai tradukis ĉinen *7000 tagoj en Siberio* de Karlo Štajner. La verko povis aperi ĉinlingve dank' al malavara subteno el Japanio, organizita de Kurisu Kei. En majo 2006, jen la urbo Wuchan sursceniĝas. Per la helpo de Hu Xu estis festita 50-a jubileo de literatura laboro de poeto kaj tradukisto Hu Guozhu. Oni festis la jubileon per aperigo de *Wakajtapu*, romano de kroata verkisto Joža Horvat. Li verkis la romanon post la morto de sia filo Marko kaj la verko portas dediĉon „Ne vane vivis tiu kiu dumvive tuŝis eternecon." La ideo de la romano estas stimuli nin ne timi alvenante al – la limoj.

La 92-a jara verkisto Joža Horvat ĉeestis la lanĉon de sia ĉina libro en Zagorje, asertante ke post kvar diversaj premioj pri la libro, kiujn li ricevis en diversaj partoj de la iama Jugoslavio, nun li havas la impreson gajni la kvinan premion por la verko. Kun intereso li aŭskultis rakontojn de Zlatko Tišljar kial li elektis esperantigi ĝuste *Wakajtapu*. La rare aŭdeblaj ĉinlingvaj frazojn prezentitaj de Hao Xiaoming, servis kiel ilustrajo kiel sonas la verko en alia mondoparto kien Esperanto transportis ĝin. Apero de la ĉina traduko de Joža Horvat estas grava ero en diskonigo de la kroata literaturo ekster la limoj de sia lingvo. Dankon al Hu Guozhu kaj Hu Xu, sen kiuj tiu diskonigo ne eblus.

*S. Štimec*



*SUPRE - Sur la foto de Nedeljko Korasić: Joža Horvat kaj Mladenka Đaković.*



*DEKSTRE - Sur la foto de Spomenka Štimec: La Esperanta Wakajtapu kaj la ĉina traduko renkontiĝis en Zagorje kun la aŭtoro Joža Horvat, lia edzino Renata kaj tradukisto Zlatko Tišljar.*



*MALSUPRE - Sur la foto de Spomenka Štimec: Vera Roknić kaj Hao Xiaoming legis en Esperanto kaj la ĉina por la publiko.*

# *ALIA VENECIO* DE PREDRAG MATVEJEVIĆ

Predrag Matvejević: ***ALIA VENECIO*** (Druga Venecija). Esperantigis Tomasz Chmielik kun lingvaj konsiloj de Spomenka Štimec. Enkondukon skribis Renato Corsetti. Eldonis HEJME (Czeladź) / LIBRO-MONDO (Świdnik), 2006, p. 144, ISBN 83-920289-2-9.





***Maldekstre:*** *Tomasz Chmielik prezentas la ĵus eldonitan libron en Hraščina.*

***Dekstre:*** *Vida Jerman legas ĉapitrojn el la libro.*

Multrilate eksterordinaran kaj surprizan, ĉiel pensigan libron pri Venecio verkis Predrag Matvejević, kroata intelektulo, profesoro de franca literaturo, lekcianto de Universitato La Sapienza en Romo. Estis multaj aŭtoroj, migrantaj tra Italio de nordo suden kaj dumvoje vizitantaj tiun mirindegan urbon ĉe Adriatiko: Goethe, Byron, Ruskin, Marcel Proust, Henry James, Thomas Mann, Sandor Marai, Josif Brodskij, Gustaw Herling-Grudziński... Antaŭ ol verki sian libron Matvejević estis konscia pri tio, ke lia klopodo elekti la urbon en la Laguno kiel literaturan temon ŝajnas preskaŭ senespera, kaj supre nomitaj antaŭuloj elpremis ĝin kiel spongon ĝis lasta guto. *La historio de Venecio estas skribita kaj mi ne scias, kion novan mi povus aldoni* (p. 51) iom hezite kaj dubeme, kun ia amaro konstatis Matvejević, sed per jenaj vortoj li montris samtempe la deziron liberigi sin de la riĉa tradicio pri vojaĝliteraturo, en kiuj Venecio estis la unua sperto de intimiĝo kun Italio aŭ transiro en la alian mondon de koloroj kaj lumo, li ankaŭ rezignis pri la mito de la dekadenco kaj morto, kies simbolo estis nigra gondolo sur la malvigla akvo, kio tiel maltrankviligis Gustavon Aschenbach el la fama Manna novelo. Sed ĉiuj ĉi duboj ne forlasis la aŭtoron eĉ poste, kiam li finfine alprenis kun humilo tian konstaton: *Tiu kiu denove skribas pri la Baziliko kaj pri la Placo de sankta Marko aŭ pri la Kampanilo, pri la preĝejo de Santa Maria della Salute, pri Ca' d'Oro kaj pri Ponte dei Sospiri, pri la tradicia karnavalo, pri historia regato, pri la fama galerio de la doĝoj Bucintoro kaj tiel plu, ne scias, kion li riskas: tio sukcesas malofte, ŝajne unufoje en generacio, du, tri fojojn en jarcento. Kaj nia jarcento pasis, kaj nia generacio malgrandiĝis* (p. 12).

Tamen Matvejević ne cedis, li trovis la ĝustan manieron elturniĝi el tiu kaptilo de la banalo - simple li ŝanĝis perspektivon. Li kroĉis sian atenton al detaloj, pli ĝuste al detaloj malĉefaj, plej ofte kaj kutime preterlasataj de aliaj verkistoj. Putrantaj lignaj fostoj enbatitaj en la fundon de la Laguno, feblaj plantetoj, kiuj elkreskas sur disfalantaj muroj kaj enradikiĝas en fendetojn inter ŝtonplatoj, *cocci* - forĵetaĵoj el metiejoj produktantaj la famajn Veneciajn keramikaĵojn, enmasonitaj en murojn kaj fundamentojn, plifortikigantaj remparojn aŭ simple enĵetitaj en akvon... Matvejević ne marŝas al la Palaco de la Doĝoj, sed li serĉegas Brundulum, malnovan subakviĝintan havenon, aŭ jam ne ekzistantan insulon San Marco in Boccalama. Tre gravas por li serĉado de tiuj lokoj, objektoj kaj konstruaĵoj, kiuj ne konserviĝis ĝis la nuna tempo. Sed li samtempe konscias pri ilia daŭro, pri la tempo fluanta senbreĉe, kaŝanta ĉion en helaj kaj malhelaj anguletoj de la historio. *Sur la bildo de Tiepolo Kalvaria Vojo, en la preĝejo Sant' Alvise, oni vidas, ke Kristo falas sub la kruco sur amason da ŝtonoj, kie elkreskas fragilaj tigoj kaj folioj... [...] Denove mi rigardis bildojn de Carpaccio, Giorgione, Veronese, Ticiano. Ili ankaŭ iradis preter la muroj, sur kiuj ĝermis la modestaj plantetoj* (p. 39-40).

Tio sekvas el la principo, kiun verkonte akceptis Matvejević - estas la vortoj aŭditaj iam en Muggia apud Triesto: *Ne priskribu la urbojn, tra kiuj vojaĝis multaj, iu jam faris tion antaŭ vi, eble pli bone kaj Evitadu la lokojn konatajn por ĉiuj, evitadu tion.* En sia libro la verkisto obeas tiujn du konsilojn, kaj samtempe admonojn. Anstataŭ la Bazilikon de sankta Marko li rigardas malnovajn sekiĝintajn putojn, anstataŭ la ponton Rialto li vizitas insuleton, kie forpasas mevoj. Li rememoras gastejojn, post kiuj restis nur la nomoj skribitaj de kronikistoj. Priskribante matenojn kaj vesperojn li nomas tiajn ventojn kiel *bora, tramontana, scirocco, levante.* Unu el la plej ravaj estas la ĉapitro pri amaso da specoj da pano manĝata en Venecio kaj en tiu bakista historio la spurojn postlasis tiuj, kiuj rifuĝis sur la bordoj de la Laguno - sefardaj judoj, grekoj, armenoj, kaj ankaŭ tiuj, kiuj ĝin konkeris - francoj kaj aŭstroj.

Nomante tiajn detalojn, liberigante ilian vidaĵon el la krusto de fremdaj rigardoj, Matvejević havigas al sia leganto unikan ŝancon retrovi la urbon nur por si. Enkonduke al la itala eldono de Alia Venecio verkisto Raffaele La Capria skribas: *Detalo malkaŝata de Matvejević estas kiel osto el la skeleto, per kiu komencante, oni povas rekrei la formon de la tuta dinosaŭro. Tiel apartigita ereto de la urbo, ĉu estos rusto sur metala fosto aŭ nur patino, malmola ligno de iu trabo aŭ ĝia putraĵo, ĉiam kondukas nin al la tuto, el kiu la nomitaj partetoj estis elprenitaj.*

Similan metodon de verkado Matvejević utiligis jam en Mediteranea Breviero (aperonta esperantlingve en 2007): detaloza prezentado de ĉiuj ĉi nomoj kreis efekton de mozaiko, neplena kaj diserigita kono, kaj amasigo de la nomoj de nodoj, golfoj, ventoj, ondoj, iloj sugestis precizemon kaj nepriskribeblecon de la mondo prezentata, sed tiu multobligado de signoj ne malaperigis reziston de la realo, kiu malgraŭ la preciza kaj detaloza priskribo, daŭre restis rava kaj nekaptebla per sensoj.

Sekvante kun ravo la fluon de la Matvejevićaj bildoj kaj pensoj oni rimarkas, ke Alia Venecio estas ankaŭ elegio - disŝutiĝas skulptaĵoj, velkas plantoj, putras lignaj fostoj, mortas mevoj, el la pejzaĝo de la urbo forpasas tradiciaj gastejoj, kaj ankaŭ malnovaj metioj... *Malaperas vortoj, perdiĝas nomoj, neniu zorgas pri la plantetoj, kiuj sekiĝas sur la muroj, „migrantaj skulptaĵoj" disperiĝas sur la fasadoj, la palacaj ĝardenoj estas pli kaj pli raraj, en la putoj troviĝas pli multe da mallumo ol akvo, aperas pli malmulte da patino ol rusto, la sunsubiroj ne estas tiaj kiel iam, de tempo al tempo la ventoj ŝanĝas direkton... [...] Venecio subakviĝas... Sed ĉio tio ne donas sufiĉan kaŭzon por la malklara nostalgio, kiu povus ekregi nin. Ĉar Venecio kaj tiu alia Venecio ja daŭras kune, samtempe, eĉ se nur en la memoro aŭ imagobildo. Unu vidas ĉiujn kaj ili deziras ĝin. La alian nur malmultaj rigardas kaj preskaŭ neniuj bedaŭras ĝin. Kaj unu sen la alia ne ekzistas kaj ne povas saviĝi. Ambaŭ estas en ni: Venecio kaj Serenissima, historio kaj mito, bildo kaj iluzio* (p. 132).

*Tomasz Chmielik*

# KRONIKO DE IUJ AMOJ, VIVOJ DE LA 20-a JARCENTO KUN PRIESPERANTA FLANKRAKONTO

Spomenka Štimec: ***HODLER EN MOSTAR***, Edistudio, Pisa 2006.


Zdravko Seleš

## Unue: la 20-a jarcento

"Estis la jaro 1901. La jarcento estis ankoraŭ virge juna, kiel la neĝo sur la fenestra breto. Nenio ankoraŭ okazis: La Nobelpremio ankoraŭ ne estis atribuita. En Bostono sinjoro Gilette ankoraŭ ne patentigis sian aparaton por razado. Oficejo por intelekta posedaĵo en Bern ankoraŭ ne enpostenigis teknikan eksperton de la tria klaso Albert Einstein."

Same kiel en ĉi tiu komenco de tria alineo de unua romanĉapitro, oni povas diri ke tra la romano estas disŝutitaj signoj de la tempo: en la romano iamaniere temas pri la 20-a jarcento. La homoj kies sortojn ni ekkonas vivas en, pli-malpli, Mez-Eŭropo: de Svislando, menciante Lionon, Vienon, Berlinon, Krakovon ktp., (trans Usono kaj Kanado), ĝis Reĝlando de Serboj, Kroatoj kaj Slovenoj kiu transformiĝas al Jugoslavio, kien en Mostar, sortovole aŭ sortokaprice, venis nekonata kolekto de fama svisa pentristo Ferdinand Hodler. Venigis ĝin tien amoj kaj la fato. Sed pri tio poste. Ankoraŭ pri la tempo.

Nome, la homaj destinoj ne estas disigeblaj de la historio kiu ilin muelas: multaj eventualaĵoj direktigas homajn vivojn kaj tial duoble nehazarde aperas en la romano Ivo Andrić: li estas priskribanto de la interplektiteco de homoj kaj nacioj en la bosnia regiono kaj kronikisto de pasintaj jarcentoj - iamaniere Spomenka faras la samon. Du Mondaj kaj unu loka militoj eniras la destinojn de ŝiaj personoj. Krome du civilizoj - okcidenta kaj orienta. Ankoraŭ: paĝoj kaj lecionoj el historio, kiuj faras romanon kaj turisma gvidlibro, ni diru: precipe pri Mostar, liaj poetoj kaj poemoj (*Emina* de Aleksa Šantić), recepto de dolĉaĵo nomata *tulumbe*, historio de la mostara ponto, kiu krome estas simbolo ligita kun intencoj de la aŭtorino).

## Due: Esperanta rakonto

Verŝajne tiu-ĉi romano ne estus skribita se ne ekzistus Esperanto. Ne kiel la lingvo, sed kiel ligilo inter homoj. Mi supozas ke estas du flankoj, du fontoj el kiuj al Spomenka venis ideo por la romano. Ligiĝis ŝiaj esperantaj kaj kulturaj interesoj: aperis Hodler-kolekto kun sia historio kaj la familia nomo Hodler signis al Spomenka ligon kun la esperanta pioniro Hector Hodler, filo de la pentristo. Ŝajnis interese esplori.

Tiel kaj tial ekestas romano kaj unu ĝia flanka rakonto; tiu pri intereso kaj aktiveco priesperanta de Hector Hodler, iniciatinto de Universala Esperanto-Asocio (UEA). Kun li kunlaboras lia amiko Edmond Privat, en la romano ni vizitas kongresojn en Krakovo kaj Berno, instruistino el Kostajnica (Kroatio, tiam en Aŭstro-Hungario), Antonija Jozičić, atestas kaj pri Hector Hodler kaj pri paroladoj de Antoni Grabowski kaj de Zamenhof mem.

Por Esperanta publiko tio estas plua elemento de intereso por la romano: ĝi estas ne nur romano en Esperanto, ĝi estas romano pri Esperanta movado kaj Esperanto same funkcias kiel unu el la signoj de la tempo, unu de la fenomenoj de la 20a jarcento.

## Trie kaj ĉefe: vivoj kaj amoj

Vivoj venas el amo. Amo estas unu el la ĉefaj temoj de la literaturo. Ankaŭ en romano de Spomenka Štimec temas pri amo. Amo ligas homojn; virinojn kaj virojn. El iuj amoj, iuj pasioj, ekestas infanoj, el iuj, kiel el tiu de Ferdinand Hodler kaj Jeanne, lia modelo, pentraĵoj, artaĵoj. Kaj eĉ pli. Kvankam neniam geedziĝintaj (kaj F.H. plurfoje edziĝis), verŝajne tio



estis unu el liaj plej gravaj amoj. Aliaj donis al li infanojn, ŝi kunportis liajn pentraĵojn al Mostar, al estonteco. Li faris ŝian portreton por la svisa 50-franka monbileto, kaj ŝi kunprenis lian kolekton en du geedziĝojn, portis ĝin tra kelkaj landoj kaj ĉiam restis ligita kun li kaj lia portreto. Okazis novaj amoj, tute nova vivo en novaj landoj, sed ie ĉe la fino, post tridek kvin jaroj kun Meho, en ŝia ĉambro ankoraŭ pendas la portreto de Ferdinand Hodler, kiu post ŝia morto en 1955, kune kun la tuta kolekto, fariĝos granda arta malkovro.

Proust serĉis la perditajn tempojn, t.e. perditajn memorojn. Dum vivas iu memoranta, iamaniere ĉio ekzistas. Sed, tempo pasas. Kaj la tempopaso estas unu el temoj de la romano. Kaj pasante, tempo viŝas ĉion ekzistantan. Speciale se en tio kunlaboras la militoj. Kaj "milito revenis en Sarajevo en 1992.(...) La artaĵoj eniris subterajn ŝirmejojn. Oni provizore metis ilin tien, supozante ke post kelkaj semajnoj, la danĝero pasos. La militoj ne ŝatas semajnojn. Ili preferas kalkuli per jaroj. Unu, du, tri, kvar." Kelkaj pentraĵoj estis ŝtelitaj dummilite, kaj oni bezonis kromajn jarojn por "retrovi la spiron".

Verŝajne ĝuste kun ekspozicioj en Ljubljana kaj Zagrebo venis la rakonto ĝis Spomenka. Postsignoj maloftis. Tial ŝi ne estas kronikistino, sed historiistino kiu rekonstruas la kronikon. Kaj tial eble unu el la lastaj frazoj aspektas tiom neoptimisme: "Inter la desegno de Ferdinand Hodler en la jaro 1887 kaj la nuna tempo jam generacioj formortis. Kun ili - iliaj amoj." Sed, tiu konkludo estas teksto. Kaj ŝi pravas, jes. Jes, kiam temas pri granda parto de vivoj, jes, kiam oni pripensas ke la limo inter la malkovrita kolekto kaj rakonto kaj la ebleco ke ili pereu estas maldika kiel papero. Sed ne ĉar antaŭ ni estas la romano, artaĵo kiu donas vivon al ĉiu persono kiun ni ekkonas, ĉar ponto denove estas konstruita.

Mi jam precize diris ke temas pri personoj, ni diru pri homoj, en la romano. La aŭtorino ne rakontas iun imagitan fabelon farantan literaturajn heroojn: ŝi teksas la rakonton pri realeco, kiu kreas vivgajnintojn kaj malgajnintojn. Sed, malgraŭ Kurana frazo kiu diras "ke ĉiu homo malgajnas", ni, legantoj, estas gajnintoj, samkiel iamaniere tio estas la homoj kaj amoj kiujn vivigas la aŭtorino.

### Kvare: konkludo

Iuj vivoj, iuj amoj kaj la 20-a jarcento. Kaj ankoraŭ unu motivo, ankoraŭ unu ligilo – Esperanto. Tio estas la mondo kiun deziras vidi kaj trovi, al kiu deziras aparteni la aŭtorino. La mondo de ligiteco, proksimeco, interkompreno inter kulturoj. Ŝi kontraŭstaras al potencoj militemaj kaj malamemaj. Kaj tio revenigas nin al motivo de la Mostara ponto. Kiam la aŭtorino skribis ka "La tombejoj de Mostar estis bombarditaj, la arkivejo de Hercegovino brulis, la ponto mem estis mortpafita: la unuan fojon post tiom da jarcentoj oni vidis nuda la riveron Neretva, sen blanka flugilo kunliganta la riverbordojn." ŝi deziris diri profundecon de krizo kiu okazadis al Eŭropo, Eŭropo kiu nek konis, nek defendis siajn trezorojn.

Tamen, Eŭropo; la memoro kaj la estonteco ne estas politikaj instancoj: Eŭropo estas ĝiaj lingvoj, mitoj kaj kulturo, ĝiaj sonetoj kaj sonatoj, ĝiaj kukoj, manĝaĵoj kaj arto. Tiel, per la arto, per la romano antaŭ ni denove konstruiĝas pli bona mondo, la espero reviviĝas. Tiu espero, kaj tiu Eŭropo kies parto estas ankaŭ la orienta odoro en Mostaro, estas profunda, kaŝita temo de la romano.

*Zdravko Seleš*

# TRIOPO TERURA DE ANTOANETA KLOBUČAR




***Nova libro de la triopo Klobučar (la foto supre), kiun en Hraščina prezentis Višnja Branković (la foto dekstre).***

„Ĉu vi scias kie estas Eta Arbaro? Kio? Eĉ pri Eta Arbaro vi neniam aŭdis? Nu, tio jam estas tro. Sekve, mi devas komenci tute de la komenco. Eta Arbaro estas la plej profunda parto de iu tre-tre granda arbaro. Kie la granda arbaro troviĝas – mi ne rajtas al vi malkovri. Tion mi promesis al mia triopo. En Eta Arbaro vivas multaj diversaj bestoj. Inter ili estas ankaŭ familio: paĉjo urso, panjo ursino kaj iliaj tri etaj ursidoj. Paĉjo kaj Panjo estas grandaj, fortegaj, muĝantaj kaj tre-tre seriozaj. Tial mia rakonto ne estas pri ili. La rakonto estas pri iliaj ursidoj. Ili nomiĝas Nana, Felĉjo kaj Flavinjo..."

Tiel Višnja Branković enkondukis la novan infanlibron eldonita de Esperanto-Societo "Liberiga Stelo" el Osijek. Aŭtoris la verkon Antoaneta Klobučar, esperantigis Davor Klobučar kaj la ĉarmajn desegnojn provizis Ana, la filino de la geedzoj Klobučar. La triopo Klobučar gajnis en Vilnius 2005 la premion por la plej bona infanlibro en Esperanto por *Rakontoj sub la lito*. En 2007 la triopo el Osijek rekandidatigos infanlibron el Osijek ĉe Belartaj Konkursoj.



# ORDENO DE VERDA PLUMO

Josip Pleadin: ***ORDENO DE VERDA PLUMO - Leksikono pri Esperantlingvaj Verkistoj.*** Eldonis: GRAFOKOM, Đurđevac, 2006. - 272 pĝ. - 24 cm.

Ĉu vi iam demandis al vi, kiaj homoj verkis kaj verkas Esperante? Ĉu vi demandis al vi, kiu kaŝiĝas malantaŭ pseŭdonimo aŭ kie kaj kiel vivis la aŭtoro de novelo, poemo aŭ romano legita de vi? Al tiaj demandoj respondas ***ORDENO DE VERDA PLUMO***. Ĝi enhavas informojn pri milo da pli malpli gravaj verkistoj kaj nigra-blankajn fotojn pri duono el ili. Komence de la libro legeblas, kio instigis la kompilinton al la tasko, kion li celis kaj kiaj malfacilaĵoj staris sur la vojo. Fine de la libro li listigas la fontojn, el kiuj li elĉerpis kaj kribris la materialon. Li ankaŭ dankas siajn ĉefajn kunlaborantojn per kelkaj linioj priskribantaj ties laboron, kaj inkluzivas liston de la uzitaj mallongigoj.

La libro estas presita sur agrabla papero, la teksto facile legeblas, la fotoj multe riĉigas la enhavon, la verkistoj kaj verkantoj aperas en alfabeta ordo. La longeco de la artikoloj neniel rilatas al iliaj beletraj meritoj kaj famo. Ĉiu el ili estas prezentata kiel homo, egalrajta individuo, kies komuna trajto estas tio, ke ili iam ie verkis beletraĵon en Esperanto. Tradukistoj kaj verkintoj de lernolibroj, vortaroj kaj sciencaj verkoj apenaŭ troveblas en tiu ĉi *Ordeno*.

Estas emocie kaj interese foliumi la libron. La leganto povas ĝoji, ke Esperanto vere estas vivanta lingvo, per kiu multegaj homoj diverslande esprimas sin. Trovante sciigojn pri siaj preferataj aŭtoroj oni sentas sin sekura aŭ surpriziĝas pri io nova, kion oni ne sciis pri ili.

Oni povas ankaŭ maltrankviliĝi aŭ ŝokiĝi, kiam oni konstatas, ke mankas iu verkisto nepre inkluzivinda, sed tiuokaze la leganto sciu, ke la aŭtoro de ***Ordeno de verda plumo*** daŭre akceptas aldonaĵojn kaj rimarkigojn. Lia laboro ne eblus sen kunlaborantoj. Fakte ĉiu lando, ĝiaj Esperanto-kluboj , asocioj kaj literatur-konantoj respondecas pri tio, ke la mondo sciu pri tiulandaj esperantaj verkistoj. Ne ĉio troveblas en la reto kaj certe ne en antaŭaj enciklopedioj, eseoj kaj aliaj fontoj. La nuna ***Ordeno de verda plumo*** estas riĉa kolekto, kvazaŭ mapo pri literatura Esperantujo. Mapojn oni ĉiam reeldonos, kompletigitaj. Al ĉiu serioza vaganto kaj profesia esploristo en la beletra Esperantujo estas havinda tiu ĉi nova mapo.

*Raita Pyhälä*

## Reagoj

***Ordeno de verda plumo*** startis en Hrašćina dum la Renkontiĝo de esperantlingvaj verkistoj. Oficiala monda prezento okazis en Florenco, dum la ĉi-jara Universala Kongreso de Esperanto, kie ĝi estis prezentita en la stando de Esperantlingva Verkista Asocio dum la movada foiro, poste en aŭtora duonhoro enkadre de la kongresa libroservo, dum la programero "Libro de la jaro" kaj en la kunsido de EVA.

En Kroatio la informrimedoj plurfoje raportis pri la libro: *"Podravski list"* la 31-an de julio sub la titolo "Pleadinova knjiga na esperantu". Similan informon lanĉis Radio-stacio Koprivnica (RKC) en sia programo kaj en sia portalo. Ankaŭ la regiona portalo *www.djurdjevac.com* raportis sub la titolo "Vrijedni sugrađani". Mallongajn artikolojn publikigis ankaŭ *"Večernji list"* kaj *"Metro"*. *Kroata Televido* raportis en unu el siaj elsendoj. *"Vjesnik"* publikigis longan intervjuon kun Tomasz Chmielik, kiu en favora kunteksto mencias ankaŭ la Leksikonon.

Pri la verko informis kongresa kuriero de la florenca UK *"Florenca lilio"* la 3-an de aŭgusto.

La libro estas menciita en retaj katalogoj de gravaj movadaj libroservoj, ekz: Libroservo de Universala Esperanto-Asocio, Flandra Esperanto-Ligo, Esperanto-Ligo por Norda Ameriko, Esperanto-Asocio de Britio kaj en la retpaĝoj de Esperantlingva Verkist Asocio kaj Kroata Esperanto-Ligo. Mencias ĝin ankaŭ retpaĝo de "Internacia gazeto" en Pollando. Mallongan artikolon kiu mencias la Leksikonon alportas ankaŭ retejo *esperantujo.org*.

En aŭstralia diskutgrupo evoluis intensa diskuto, kaj la aŭstralianoj jam nomis ĝin per malongigo OVP, konforme al mallongigoj de titoloj de gravaj verkoj kiel PIV, PAG, EdE ...

Unuopaj kvalifikoj de la verko kaj prespretaj recenzoj venas de pluraj personoj:

Zlatko Tišljar skiribis: "Post kelkjara laboro Pleadin aperigis nekompletan sed grandiozan bibliografion pri originalaj verkistoj en Esperanto de Zamenhof ĝis 2006. La leksikono ampleksas 901 verkistojn kaj estos sendube longatempe la ĉefa fonto por ĉiuj esploristoj de E-literaturo."

*Tomasz Chmielik kaj la kompilinto Josip Pleadin en Hrašćina dum la prezento de* ***Ordeno de verda plumo****.*



En sia intervjuo Tomasz Chmielik diris: "Josip Pleadin brile faris grandan laboron. Li priskribis 901 verkistojn kiuj en 119-jara historio de Esperanto verkis en tiu lingvo. Kaj nun komparu tion kun la aĝo de Esperanto. Temas pri fenomenaj aferoj, pri kiuj eĉ la esperantistoj mem ne konscias."

Tre kompetentan kaj pozitivan pritakson de la verko esprimis ankaŭ: Paul Gubbins, Petro de Smedt, Andy Künzli, Claude Gacond, Ionel Oneţ, Birthe Lapenna kaj kelkdeko da aliaj, kiuj persone diris aŭ sendis siajn opiniojn al la kompilinto. Intertempe, reagas ankaŭ la legantoj, kiuj iom post iom sendas kompletigojn kaj korektojn por eventuala dua eldono de la libro.

Mallonge resumante, ***Ordeno de verda plumo*** malfermis novan paĝon en esplorado de nia originala literaturo. Kompletigoj certe estas necesaj, sed la ĵus aperinta Leksikono estas proponata kiel "konsultlibro sed ankaŭ kiel labordokumento".

# ROMANO *ADOLESKO* DE BLAZIO VAHA



*Velimir Piškorec prezentas la libron "Adolesko" de Blazio Vaha (Fotis: Maja Pleadin).*

Mi prezentos honoran gaston el Hungario sinjoron Blazio Vaha kaj lian faman romanon *Adolesko* kiu estis publikita en la simbolplena jaro 1987 kiam la tuta Esperantujo celebris sian centjaran jubileon. La publikigo de la romano, laŭ mia opinio, estis belega prezento al la tiam centjara Esperanto kulturo kaj literaturo. La romanon *Adolesko* li finverkis en 1976, por la konkurso R. Schwartz.

Unue mi volas diri kelkajn vortojn pri nia aŭtoro. Sinjoro Vaha naskiĝis en la hungara urbo Győr en 1948. Li studis filologiojn hungaran, rusan, Esperantan (1968-1973). Ĝis 1981 instruadis la rusan, ekde 1981 esploras historion de la hungara lingvo. Ĝi aperis en 1987. Verkis artikolojn pri tempo kaj aspekto en Esperanto, pri vortospecoj, pri lingvopolitiko. Kun la edzino Judit Schiller li havas tri infanojn denaske Esperanto-parolantajn.

Nuntempe sinjoro Vaha estas lingvisto kiu en sia profesia kariero pritraktis multajn diversajn lingvistikajn temojn atestante sian sciencan multflankecon: nome li verkis plurajn gramatikajn, esperantologiajn kaj interlingvistikajn studojn kaj artikolojn. Jen kelkaj titoloj: Antaŭ-sosorumo: Fragmentoj el verkata studo pri René de Saussure, Selektoprincipoj de terminoj kaj metaterminoj, Pri la Esperanta verbo, Lingva interefiko en dialogoj de esperantlingvanoj, Pri la radikkaraktero, Faktoroj de lingvoevoluo tra la historio de lingvoj, planlingvoj, Esperanto; La ag-aspekto en Esperanto; Pri redundo kaj ensociiĝo de planlingvo; Dulingveco en familio unuetna. Apud la interlingvistika artikolaro, li skribis ankaŭ interesajn hungarlingvajn artikolojn pri la ag-aspekto en la hungara lingvo, la lingva fenomeno iome simila al la slava verba aspekto. Li lekciadis pri Esperanto en altlernejoj kaj universitatoj de la urboj Budapeŝto, Szombathejo, Piliscsaba kaj Poznań. Li instruis ankaŭ en unu eksperimenta kaj unu bazgrada lernejo kaj instruetadis Esperanton en infanĝardenoj. De tempo al tempo li prelegas en la lingvistika instituto de la Hungara Akademio de Sciencoj pri la sistemo kaj apliko de la lingvo Esperanto, tamen lia ĉefa tasko estas esplorado de la historia evoluo de la hungara sintakso. Kun liaj infanoj li parolas plu Esperanton. Li eksperimentas pri Pjaspo, interlingvo iom imite kaj evoluige al la interlingvo DLT. De tempo al tempo li verkas, kiel li diras, por si mem en Esperanto, en Pjaspo kaj en la hungara lingvo.

Post tiuj biografiaj kaj bibliografiaj informoj pri sinjoro Vaha mi provus prezenti al vi kelkajn observaĵojn pri la libro *Adolesko*. Ĉar mi estas nek literaturkritikisto nek literaturteoristo, miaj priskriboj baziĝas precipe sur miaj subjektivaj eksperiencoj kiel leganto.

La libro mem komengciĝas kun mallonga teksto, iaspeca poetika antaŭparolo, en kiu la rakontanta voĉo estas fiktiva publikanto kiu asertas ke li ne estas aŭtoro de la romano. Li laŭdire trovis la tekston, do pli ol ducent kvindek paĝoj "en botelo sur la bordo de la Balta Maro dum Esperanto-Semajno en Kajako". Kiel leganto oni kompreneble ne povas ne rimarki la groteskecon de tiu aserto ĉar oni nur malfacile povus imagi botelegon enhavantan dikan manuskripton. Sekvas ses pluraj informoj pri la publikigita teksto, kiuj fakte povus esti legataj kiel direktivoj por la legonto. Ili entenas komentojn koncernantaj skribadon de nomoj kiuj diferenciĝas je unu litero, miksadon de tempoperspektivoj kaj nevolecon de la publikiganto elimini "obskurajn meditojn de la adolescenta knabo". Precipe grava ŝajnas al mi ankaŭ difino de la ĝenro al kiu – laŭ la publikiganto – apartenus la verko: tio estus ĝeng-ĝuano aŭ kroma biografio aŭ "ĉefa historio de la negrava persono".

Do pri kio temas la libro *Adolesko*? La ĉefa heroo aŭ malheroo de la romano estas Jozefo Spertozza. Li vivas en la fikcia socialisma lando Miloĝio. Naskita en la religiema familio kiu edukas lin laŭ la spirito de katolika konfesio, Jozefo estas samtempe alfrontita al la socialismo kiel ŝtata sistemo, kiu ja toleras religion, sed kies oficiala ideologio estas ateismo. La naiva knabo Jozefo – vivante fakte en du ideosistemoj – la religia kaj ateisma – provas unuigi ilin. Jozefo ne estas meznivela knabo, ĉar li – dank al sia meditemo kaj pensumado – diferencas multe de siaj samaĝuloj. Lia knabeco estas karakterizata de internaj duboj pri la ekzisto de Dio kaj senĉesaj provoj adaptiĝi en la socia medio kie li vivas. Kiel studento ĉe la universitato Jozefo "malkrediĝas", samtempe malkovrante sian seksecon kaj havante intimajn kontaktojn kun virinoj.

Tiu ĉi mallonga priskribo de la enhavo de la libro estas kompremeble nur tre simpligita versio de la kompleksa aro de variaj rakonantaj voĉoj en la libro: la unua parto de la romano estas rakontata en mi-formo kun du tempoperspektivoj: Jozefo, 25-jara altlerneja instruisto, vivanta kun sia kuzeto, rakontas samtempe en prezenco pri sia aktuala vivo kaj retrospektive pri siaj memoroj kiel knabeto kaj bazlernejano. La dua parto de la romano estas rakontata de Otmar, fiktiva amiko de Jozefo, al kiu li sendis "manuskripton kun 'imperativa' letero" petante aŭ ordonante lin kompletigi kaj tutigi la historion pri la apostatiĝo de Jozefo. Do, la dua parto de la romano estas kronologia. Apud la rakontmaniero kie Jozefo estas fakte li-persono, ĝi entenas ankaŭ fragmentojn el lia fiktiva taglibro. La tria, fina parto de la romano estas tre mallonga kaj en ĝi denove ekrakontas Jozefo, nun 28-jarulo, pri sia nuntempo kaj pasinteco.

Kaj fine, permesu al mi citi kelkajn liniojn el la recenzo de Sten Johansson pri la romano *Adolesko* koncernante la lingvaĵon de la verko:

"Necesas ripeti kaj substreki tion ke Adolesko impresas verkita tre flue, nature, senobstakle. La aŭtoro ŝajne aplikis tiujn ilojn, kiuj spontane trafis lian menson, kaj rezultis stilo nekutime facilflua kaj senhezita. Kompreneble ĉi tiu impreso al leganto-recenzanto eble tute ne diras veron pri kiel Blazio Vaha eventuale ŝvitis super sia tasko...

Se la romano do ŝajnas senĝene verkita, ĉu tio signifas, ke ĝi ankaŭ legiĝas? Nu, certagrade jes. La plaĉa, senerara lingvaĵo, la flua, natura stilo de la rakontado prezentas neniun problemon al la leganto. Se tamen ĉi verko ne apartenas al la plej facile legeblaj esperantaj originalaĵoj, tio ŝuldiĝas al du aferoj: unue al la temo – kie internaj konsideroj pli gravas ol eksternaj eventoj; due al la aparta konstruo de la verko – kie la leganto ne malofte miretas, demandas sin kial kaj pro kio, kaj iomete konfuziĝas pro la ne tuja kompreno de intenco kaj motivoj de la aŭtoro.

Resume oni povus aserti kun evidente dusenca adjektivo, ke ĉi libro havas grandan ŝancon iĝi verko legenda en la originala Esperanto roman-arto."

*Velimir Piškorec*

# VODNIKOVA 9 - aŭgusto 2006

| | |
|---|---|
| 138. Aleksije Herić | 6,85 |
| 139. Sanja Kodrnja | 6,85 |
| 140. Dinka Šimunić | 13,70 |
| 141. Davor Klobučar | 27,43 |
| 142. Marta Živković | 27,43 |
| 143. Štefica Mutak | 2,74 |
| 144. Ana Then | 20,57 |
| 145. Velimir Majdak | 13,70 |
| 146. Marica Radočaj | 6,85 |
| 147. Danica Konečni | 27,43 |
| 148. Slobodan Kukić | 5,00 |
| 149. Ivo Puharić | 27,43 |
| 150. Jakov Krpan | 13,70 |
| 151. Zlatko Hinšt | 27,43 |
| 152. Dragica Vukadin | 6,85 |
| 153. Branko Repac | 13,70 |
| 154. Darinka Sović | 6,85 |
| 155. Nevenka Palković | 2,74 |
| 156. Adela Franković | 6,85 |
| 157. Marta Dokić | 4,11 |
| 158. Zlata Flego | 3,43 |
| 159. Nevenka Imbert | 3,43 |
| 160. Jelkica Glumičić | 13,70 |
| 162. Roža Brletić Višnjić | 6,85 |
| 163. Rudolf Hahn | 6,85 |
| 164. Mira Kocjančić | 13,70 |
| 165. Jerko Baković | 13,70 |
| 166. Janja Kontak | 6,85 |
| 167. Ivan Krznarić | 5,48 |
| 168. Štefica Orešković | 10,00 |
| 169. Lovro Krsnik | 13,70 |
| 170. Jozo Marević | 24,79 |
| 171. Branka Čečuk-Cesarec | 20,66 |
| 172. Mato Brčić-Kostić | 13,70 |
| 173. Ivo Osibov | 27,54 |
| 174. Olga Srkoč | 41,32 |
| 175. Dalibor Brozović | 13,70 |
| 176. Ana Bogdanić | 6,85 |
| 177. Marija Vukušić | 6,85 |
| 178. Kruno Tišljar | 13,70 |
| 179. Dinko Matković | 100,00 |
| 180. Mira Matanović-Manner | 13,70 |
| 181. Nikola Vidić | 6,85 |
| 182. Marija Carević | 4,13 |
| 183. Ivo Borovečki | 6,85 |
| 184. Jaga Di Costanzo | 13,70 |
| 185. Boris Di Costanzo | 13,70 |
| 186. Dragan Barac | 13,70 |
| 187. Marina Dimnjaković | 13,70 |
| 188. Milan Sudec | 5,48 |
| 189. Stjepan Žarina | 13,70 |
| 190. Teodor Mikić | 27,54 |
| 191. Miroslav Jelkovac | 27,54 |
| 192. Klementina Perašinić | 27,54 |
| 193. Luka Bošković | 4,14 |
| 194. Bojana Đuričić | 10,00 |
| 195. Spomenka Štimec | 5,00 |
| 196. Zlata Flego | 100,00 |
| 197. Melanija Grgić | 10,00 |
| 198. Vukašin Dimitrijević | 8,26 |
| 199. Anđela Kanjuo | 20,86 |
| 200. Stanko Rukelj | 44,18 |
| 201. Lidija Pajazetović | 55,24 |
| 202. Ana Bogdanović | 27,62 |
| 203. Gunnar Gämlle | 5,00 |
| 204. Kikushima -Krizantemo | 271,22 |
| 205. Ooshi Akira | 46,83 |
| 206. Stjepan Horvat | 2,75 |
| 207. Nikola Rašić | 3,44 |
| 208. Vjekoslav Morankić | 102,04 |
| 209. Sekoguchi Ken omaĝe al la apero de la japana „Hlapić" | 500,00 |
| 210. Valter Šverko omaĝe al amiko Emerik Pratner forpasinta en 1992 | 137,70 |

De majo ĝis aŭgusto kolektite 2. 304,50 eŭrojn

**Entute 13. 041,86 eŭrojn**

**Karaj membroj! Neniam en la pli ol trijara historio ni sukcesis kolekti tiom multe da mono por nia estonta ejo. Al ĉiuj elkoran dankon!**

# OMAĜE

## Lucija Bebić

La 24-an de aprilo 2006 mortis en sia 88-a vivojaro Lucija Bebić, fidela membro de Esperanto-Societo „Bude Borjan". Ŝi naskiĝis en Bosanska Gradiška kiel Lucija Rogulja la 29-an de septembro 1918 kaj post gimnaziaj tagoj en Tuzla lernis en Ekonomia Altlernejo en Zagrebo. Esperantistiĝis en 1938 en la kurso de Dušan Maruzzi. Dum la vivojaroj en Sarajevo ŝi kontribuis al la Esperanto-Societo en Sarajevo kiel librotenisto (1952). Statistiko estis ŝia profesio. Post translokiĝo al Zagrebo ŝi aktivis en Esperanto-Societo „Bude Borjan" kie ŝi estis kasistino kaj sekretariino. Krome ŝi estis membro de Fervojista Esperanto-Societo en Zagrebo. Ŝi partoprenis plurajn Esperantajn kongresojn. Modesta kaj diligenta, Lucija Bebić estis unu el tiuj silentemaj membroj kiuj helpis solvadi la taskojn de la kluba vivo, kiuj permesas ke la Esperanta agado daŭru jam preskaŭ 120 jaroj.



## Izabel Santiago

Izabel Cristina Oliveira Santiago naskiĝis en Rio-de-Ĵeneiro en 1959. En Brazilo ŝi diplomiĝis pri medicino. Psikologio estis ŝia ĉefa fako.Veninte al Eŭropo ŝi loĝis iom da tempo en Kroatio kaj fariĝis amiko de la zagreba Esperanta rondo. Eklaboris volontule en Roterdamo en 1989 kaj mortis tie la 13-an de majo 2006. En la portugala ŝi verkis libron *Kio estas Esperanto* kaj dum jaroj redaktis plurajn rubrikojn en *Monato.* Ni adiaŭas de ŝi per versoj de Harry Martinson el *Aniaro*, kanto 89; (tradukita de W. Auld/B. Nilsson, kun la permeso de Martinson-societo.)

***Kiam l' amata mortopordon venas***
***La spac' kruela pli severmienas.***

# La plej ampleksa




**biografiaro pri niaj originalaj verkistoj en preskaŭ 120-jara historio de Esperanto-literaturo**

**901** biografioj

**461** portretoj

**248** pseŭdonimoj

**kunlaborantoj en pli ol 30 landoj**

**272 paĝoj - luksa papero - fortika bindo**

---






**Eldonis GRAFOKOM** kunlabore kun ESPERANTLINGVA VERKISTA ASOCIO

---

*Mendu ĉe via kutima libroservo aŭ ĉe la kompilinto:*

Josip Pleadin
B. Jelačića 138A
HR-48350 Đurđevac
Kroatio
Telefono kaj faksilo: + 385 (0)48 811 266
Retadreso: grafokom@kc.htnet.hr

La eldonisto ofertas revendistan rabaton de 25% por minimume 4, respektive 33% por minimume 10 ekzempleroj.

*Prezo ĉe la kompilinto:*

Internaciaj ekspedoj:
**34,50** eŭroj.

Ekspedoj en Kroatio:
**242,00** kunaoj

Poŝtkostoj enkalkulitaj.